

# Boletín

*Nº 356 majo/junio 2002*




Giordano Moya… nova donaco

*Asociación de utilidad pública*

DERACIÓN
PAÑOLA
ESPERANTO
NA ESPERANTO-FEDERACIO

# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Aperanta de 1949**

Redaktisto: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; liven@wanadoo.es

## Enhavo



### Hispana Esperanto-Federacio

**Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto ĉe BBVA :**
**0182-2552-61-0204011.961**
**admin@esperanto-es.net**
**www.esperanto-es.net**



**61a Hispana Kongreso**

**1a - 4a de aŭgusto**

# 61a Hispana Kongreso de Esperanto

**de 1a ĝis 4a de aŭgusto 2002 Alicante**



Alicante estas gaja somera urbo ĉe Mediteranea Maro. Ĝi havas plurajn bonegajn plaĝojn (en kelkaj oni povas fajfi pri la bankostumo). La klimato estas varmeta, agrabla kaj stabila en aŭgusto. Alicante havas nekredeblan kvanton da noktaj amuzejoj: trinkejoj, kluboj, dancejoj, do, inter la ĉeestantoj al la Kongreso verŝajne kelkaj ŝatos plilongigi sian restadon en ĉi amuzplena urbo.

Sed prudaj kongresanoj povas malatenti tion, kaj partopreni interesajn ekskursojn. Ekzemple al la fama Benidorm, je 40 km de Alicante. Ĝi havas du longajn plaĝojn kaj aron da altegaj konstruaĵoj, inter ili la plej alta hotelo de Eŭropo, 52 etaĝa, tiel ke, rigardata disde la maro, la urbo aspektas kvazaŭ malgranda Novjorko. En Benidorm ekzistas strato Esperanto, kaj impona amuzparkego "Terra Mítica" (Mita Tero).

Alia ekskurso okazos al Elx (Elche), tre proksime de Alicante. Se en Benidorm estas la plej alta eŭropa hotelo,



en Elx troviĝas la plej granda palmarbaro de Europo. Krome, iuj povus klopodi atingi ion vere malfacilan: ĉeesti la prezentadon de "El Misteri d'Elx" en la Katedralo, la 14an kaj 15an de aŭgusto. Temas pri vera muzika juvelo, religia mezepoka opero honore al Sankta Maria. La virinaj roloj tradicie estas kantataj far viroj. La opero estas kantata laŭ teksto bazita sur la "legenda aurea" de Jakob de Varazze (13a jarcento), siafoje bazita sur la apokrifaj evangelioj (kio okazigis ke la Koncilio de Trento en la 16a jarcento sensukcese klopodis malpermesi tiun prezentadon). En la kulmino de la prezento, malfermiĝas la volbo de la katedralo kaj malsupreniras ilo kiu reprezentas egan granatan frukton orumitan, kiu malfermiĝas, kaj en kies interno la Virgulino Maria (rolata de infano) supreniros al la volbo, simboligante ŝian ĉieleniron.

Okazos antaŭ- kaj postkongreso en Valencia. Tie estas nepre vizitenda la impona muzea komplekso "Urbo de la Artoj kaj la Sciencoj", en kiu kuniĝas la Palaco de la Artoj, Muzeo de la Sciencoj, Planetarium, Oceanografia Parko kaj aliaj, en konstruaĵoj laŭ alloga futurisma arkitekturo.

Alicante estas rekte atingebla per aviadilo ekde la plej gravaj flughavenoj de Europo kaj per rektaj trajnoj ekde Montpellier (Francio), Barcelono aŭ Madrido.

*Darío Rodríguez*

## PROVIZORA PROGRAMO

Ĵaŭdo, 1a de aŭgusto

10.00 ĝis 13.00 Disdonado de la dokumentaro.
11.00 Malfermo de Libroservo*.
11.30 Registrado de proponantoj**.
12.00 Estrar-kunsido de HEF.
12.00 Kunsido de aliaj Asocioj aŭ grupoj.
14.00 Manĝo-paŭzo.
17.00 Unua ronda tablo de proponantoj.
18.00 Kia informado ĉe foiroj kaj similaj aranĝoj.
19.00 Amika Vespero.

Vendredo, 2a de aŭgusto

10:00 Malfermo de "Libroservo"
11.00 Instruado.
12.00 Inaŭguro de la Kongreso
14.00 Frata kunmanĝado de paelo.
17.00 Prezentado de la libro "Esperantismo"
18.00 Dua ronda tablo de proponantoj.
19.00 Esperanto dum la bolŝevisma tempo en Rusio (Sergej Maltsev).
20.00 Filmoj en Esperanto.

Sabato, 3a de aŭgusto

10.00 Malfermo de "Libroservo"
10.00 Esperanta Prononcado.
11.00 La ĉina lingvo (Peng Zhengming).
12.00 Generala Kunsido de HEF.
14.00 Manĝo-paŭzo.
17.00 Nova poŝvortaro.
18.00 Komuna vizito al la Kastelo Santa Barbara.

Dimanĉo, 4a de aŭgusto

09.00 Ekskurso al Elche.
19.00 Vespermanĝo kaj Adiaŭo.

* La libroservo funkcios nur unu horon ĉiutage.

** Petos sian intervenon, kaj oni registros la nomojn de ĉiuj kongresanoj kiuj volas prezenti projekton, sugestojn aŭ simple fari apartajn demandojn.

### Aŭtobusoj

Plej rekta aŭtobusa linio de la centro de la urbo al la universitata loĝejo estas linio n-ro. 24, Estación Renfe (Fervoja Stacio) — San Vicente del Raspeig. Detala listo de haltejoj, hortabelo, prezoj ktp, troveblas ĉe: <www.subus.es/Provincia/24/Linea.html>

*Darío Rodríguez*



### 61a Hispana E-Kongreso

# Tempo de rektaj kontaktoj

### Atentu

Se vi laboras sola super iu ajn esperanta projekto, venu al Alikante kaj rakontu tion al ni.

En la hispana kongreso estos apartaj horoj por meti sur la tablon ĉiujn niajn ideojn kaj personajn projektojn rilate al esperanto. Ankaŭ niajn plendojn, sugestojn aŭ emon kunlabori en difinita projekto.

Cetere, eble vi havas dubojn aŭ ne scias kiel solvi apartajn problemojn. Nu en la Kongreso vi havos la eblecon serĉi solvon por ĉio. Jen ekzemplo: se vi volas eldoni libron kaj ne scias kiujn paŝojn vi devos fari. Nu, en la kongreso vi trovos konsilantojn kaj, eventuale, solvojn. Same se vi volas organizi asocion, aŭ se vi verkas aŭ tradukas...

Venu al la kongreso kaj alportu vian voĉon.
Venu al la kongreso kun ĉiuj viaj projektoj.
Ne forgesu alporti viajn paperojn kaj komputilajn diskedojn.

### Kongreso estu tempo de rektaj kontaktoj!

Kiel sciate, la kongreso devintus okazi en julio, sed oni devis rezigni pro diversaj kaŭzoj kaj haste prepari ĝin por la novaj datoj.

Tial, por eviti lasthorajn problemojn, HEF disponigas al ĉiu interesito jenan telefonnumerojn: **676-27-50-60**. Kaj nur dum la kongreso: **659-05-02-86**.



# Niaj Grupoj kaj Asocioj

## Eŭskio / Vaskio

* La Grupo Esperantista de Bilbao okazigis sian Ĝeneralan Kunsidon la 17an de majo en sia sidejo.

* La Grupo daŭre kunvenas ĉiuvendrede de la 19:30 ĝis la 21:00.

* En marto la vaska jurnalo Deia intervjuis kelkajn membrojn, E. Larrouy, J.M. García kaj T. Ibañez, en la sidejo de la Grupo. La artikolo aperis la 24an de aprilo.

* La 15an de aprilo vizitis la grupejon la loka televidstacio *Bilbo Visión*. La rezulto estis du programoj!

En 2001 la membraro stagnis, kaj je la 31a de decembro la Grupo nombris 76 anojn.

*Nia Ponto*

## Kantabrio

* Post la forpaso de ĝia Prezidanto, Kantabra E-Asocio serĉis solvojn por organizi novan estraron kaj, onidire, oni venis al esperiga interkonsento tiel ke fine de septembro la asocio havos Ĝeneralan Kunsidon, kiu definitive metos finon al tro longa malfacila tempo.

* La kantabraj esperantistoj daŭre kunvenas ĉiuvendrede de la 20:00 ĝis la

### Kurso

La interreta E-Kurso por hispanlingvanoj jam havis pli ol 3.000 vizitojn ekde ĝia apero antaŭ kelkaj monatoj. La Kurso konsistas el 15 lecionoj kaj estas senpaga. Ĝi enhavas multajn demandojn, respondojn, dialogojn kaj esprimojn de la ĉiutaga vivo. De la unua ĝis la oka leciono, la lernanto povas aŭskulti la prononcon, kaj presi la lecionojn por laŭvola studado. La Kurso proponas ankaŭ enkondukon en la Esperanta literaturo. Jen ĝia retadreso: www.institutoesperanto.com.ar

*Marcelo Casartelli*

21:00. Cetere, oni ĝuas amikan vespermanĝon, al kiu estas invititaj ĉiujn esperantistojn senescepte, la unuan vendredon de ĉiu monato.

* Memoru ke la kantabra asocio estas kontaktebla ĉe: Apartado 2240; 39080 Santander; Tel: 676-27-50-60 (ĉi telefonnumero funkcias nur en oficejaj horoj).

*PUL*

# Katalunio

* Barcelona Esperanto-Centro (BEC) festas nunjare sian 25an datrevenon. Ĝi ricevis oficilan permeson por ekagi la 13an de julio de 1977.

Nun BEC ŝanĝis sian sidejon al C.C Convent de Sant Agustí; Comerç 36; 08003 Barcelono. kie ĉiumarde okazas E-kursoj. Tamen, memoru ke la korespon-adreso de BEC estas: Bassegoda 40, 3, 1; 08028 Barcelona; Tel: 93-333-80-81.

Pliaj kursoj okazas en C.C Casinet d' Hostafrancs; Rector Triadó 54; 08028 Barcelono.

Cetere, BEC eldonos la verkon "Esperantismo, eseoj kaj prelegoj" de Giordano Moya, kiun ricevos donace la partoprenantoj en la 61a Hispana Kongreso en Alicante.

*Salvador Aragay*

* La 24an de aprilo okazis babilrondo organizita de KAE en la sidejo de Hispana Esperantista Fervojista Asocio. Partoprenis 36 gesamideanoj. Ĉe la komenco oni silentis minuton honore al la forpasintaj samideanoj Lluis María Hernández Yzal kaj Josep Ivern.

* La 19an de marto denove okazis, ĉi foje en la sidejo de la barcelona Grupo Aŭroro, alia babilrondo organizita de KAE. La temo ĉi okaze estis "La solidareco".

* Finiĝis la revizio de Kataluna-Esperanta vortaro. La libro estos A5-formata kaj enhavos pli ol 10.000



kapvortojn. La manuskripton prilaboris diversaj katalunaj kunlaborantoj. Nun oni serĉas financan helpon por ebligi ĝian eldonadon.

*Luis Serrrano*

## Murcio

Legeblas jam en la reto la numeron 54 de "Kajeroj el la Sudo", organo de Hispana Asocio de Laboristoj Esperantistaj "HALE". Redaktis kaj enretigis Jesuo de las Heras:

<http://storm.prohosting.com/je-suo/k54.htm>

*EeH*

## Tutlande

* Oni menciis la esperantan eldonon de Don Quijote en la teleĵurnalo de kanalo Tele 5 (02.05.21).

*MZD*

* Alvenis en la oficejo la religia gazeto "Catalunya Cristiana", sendita de la eldonejo mem. La kvin unuaj paĝoj dediĉitaj plene al esperanto. Ĉefaj artikoloj:

- Esperanto: una llengua per a la humanitat.
- Una llengua universal y compartida.
- L'esperanto és una llenua amb un clar rerefons humá i espiritual.
- Religió i esperantisme.




- Cristianisme i esperantisme en Tolstoj.

- L'esperanto a Catalunya.

- L'exit de l'esperanto ha estat adaptar-se a cada moment històric.

- Lejzer Ludwik Zamenhof.

*Ana Manero*

* Post propono al UGT, per retpoŝta mesaĝo, ke ili aldonu en la bonvena paĝo de sia ttt-ejo apud la salutoj en multaj lingvoj (germana, angla, ktp) ankaŭ bonvenon en esperanto, la sindikato skribis petante ke mi vizitu ilian paĝon. Tion mi faris kaj mi rimarkis ke UGT jam bonvenigas en Esperanto! Ĝia ttt-ejo estas <www.ugt.es>. Eble oni povus fari samon rilate al aliaj sindikatoj kaj partioj.

*Jaena Esperantisto*

# La 13a

Dum la 18a kaj 19a de majo 2002 okazis en la bela vilaĝo Vall d'Uxó, de provinco Castellón, la 13a kongreso de Valencia E-Federacio kaj Murcio, kun ĉeesto de kvardeko da samideanoj alvenintaj el la urboj Castellón, Valencia, Alicante, Murcia, Madrid, Callosa, Mislata, Quart, ktp, krom po unu el Ukrainio, Rusio, Colombio, Francio.



Malfacilas imagi kongreson en la Valencia Komunumo sen paelo?

Ĉefaj aranĝoj estis la Ĝenerala Kunveno, kie la ĝisnuna Prezidanto Augusto Casquero (Valencio) transdonis la prezidantecon al Jose Miguel Bernabeu (Alicante). La rusa samideano Sergej Maltsev prelegis pri la temo "Esperanto dum la bolĉevisma tempo en Sovetunio", kaj Augusto Casquero prelegis pri "Pilgrimado al Santiago de Compostela".



La kongresanoj havis la eblecon, laŭ invito de la Urba Registaro, viziti la belegan groton "Sankta Jozefo", vizitebla per boato, ĉar tra ĝi fluas subtera rivero.

La kongreso finiĝis per gustumado de granda paelo, kiel ja tradicias en la regiono, kio donas krom plaĉo al la stomako, agrablan kaj familian etoson. Ĝin preparis niaj kastelonaj gesamideanoj Paco Conejero kaj Inés Comabella. Poste ĉiuj adiaŭis ĝis la sekvonta jaro 2003, por la 14a kongreso, kiu okazos en Murcio.



*Augusto Casquero*




# Ĉirkaŭ la mondo

Antaŭ ioma tempo la Internacia E-Muzeo en Vieno lanĉis alvokon ĉar la reta datenbanko de esperantaj verkoj en tiu muzeo ne estis sufiĉe vizitata kaj povus malaperi. Nun, post la respondo al la alvoko la situacio jenas:

Lastfoje Internacia E-Muzeo en Vieno rakontis al vi pri la vetkurado, kiu okazas inter la specialaj datumbankoj de la Aŭstria Nacia Biblioteko, inter kiuj estas la E-katalogo TROVANTO. Ĉiu-monate jen streĉa demando por ni: kiu estas la plej sukcesa datumbanko, t.e. kiu ricevis la plej multajn interretajn vizitojn?

Ĉi foje la esperantistoj bone reagis al la alvoko de la muzeo: Ĝi ne plu estas en la malantaŭo sed egalrajte batalas kun la plej bonaj. Komparu mem (ciferoj rilatas la averaĝan tagan viziton en aprilo):

virinrilata ARIADNE: 33

muzika TABULAE: 39

ĉina SINICA: 3

esperanta TROVANTO: 31!

Do, averaĝe konzultis nian datumbankon en aprilo po 31 personoj tage. En marto tiu sumo estis nur 20! Kresko je triono!

Vi vidas do, ke via konsulto de TROVANTO vere gravas. Ioma kresko ankoraŭ kaj ni estos la unua! Daŭrigu, ni petas!

*Helga Farukuoye*

* * *

Baldaŭ oni povos disponi pri listo de la ekzistantaj terminaroj en Esperanto aŭ en Esperanto kaj kelkaj naciaj lingvoj. Okupiĝas pri la registrado Ĵerom Vaŝe <jvachey@free.fr>. Referencojn li kolektos el sendaĵoj prefere retaj kaj el rete atingeblaj katalogoj kaj li intencas redakti liston en simpla teksta formato, kiun li poste vestos html-e (kaj kiu estos tiam konsultebla en la TTT-paĝoj de UEA).

Se vi volas kunlabori sendi al li informojn pri: Familinomo kaj personnomo de la verkinto — titolo. — urbo: eldonejo, jaro — paĝnombro, lingvoj. ĉeesto de difinoj kaj proksimuma nombro de kapvortoj.

Ekzemple: - Butler M. C., Merrick F. - Muzika Terminaro. - Heronsgate: Internacia Esperanto-Ligo, 1944. - 35 p. Lingvoj: eo. Difinoj: kelkaj. Kapvortoj: 750

*Renato Corsetti*

* * *

* La 15an de majo la ttt-paĝaro <www.esperanto.pl> ricevis sian milionan viziton! Jen impona rekordo atingita post nur pli ol 13 monatoj. La centmila vizito okazis en julio pasintjare, kaj la kvincentmila en decembro 2001. La vizitoj estis el plej diversaj partoj de la mondo, foje el ekzotikaj kaj foraj landoj, eĉ el Paska Insulo.

Cetere kelkaj polaj urboj havas siajn paĝojn ankaŭ en:

Esperanta versio: <www.malbork.pl/> pri la urbo Malbork (plej granda brika teŭtona kastelo en Europo). <www.um.bialystok.pl/> pri la naskiĝurbo de Zamenhof. <www.um.gliwice.pl/> pri Supra-Silezia urbo kun riĉa historio. <www.przemet.pl/> pri la urbo kaj komunumo Przemet (okcidenta Pollando). <www.um.torun.pl/esperante/> pri la urbo de Nikolao Kopernik.

Vizitu la paĝojn kaj enskribu en la gastlibroj tio helpos daŭre konservi ilin.

*Stanislaw Mandrak (per ret-info)*




SAT-Amikaro havas novan sidejon en Parizo. Oni inaŭguris ĝin la 15an de marto. La lokalo situas tre bone rilate al atingebleco, al transportrimedoj, al videbleco, al beleco kaj heleco, kaj ĝi disponas montrofenestron dek metrojn longa. Ekde la 9a de aprilo deĵoras po du personoj de la 14a horo ĝis la 18a, de mardo ĝis sabato inkluzive.

*Henri Masson*

* Radio Polonia atentigas ke de nun oni devas uzi ekskluzive jenan adreson por korespondaj kontaktoj kun la redakcio: Polskie Radio SA; Radio Polonia, Esperanto Redakcio; Al. Niepodleglosci 77/85; PL-00-977 Warszawa; Pollando.

* Unu el la plej konataj E-retejoj “esperanto.Net” estis en junio 2002a vekita el preskaŭ dujara dormado. La rajton por ĝia administrado transprenis UEA kaj nun internacia teamo de volontuloj, kunvokita de la Asocio, ĝisdatigas kaj modernigas tiun gravan TTT-ejon.

La plej grava atento estas donata al la kolekto de ligiloj al nacilingvaj informoj pri Esperanto - da ili jam estas 50 kaj tiu kvanto ĉiutage pligrandiĝas. Granda laboro estas bezonata ankaŭ pri Virtuala E-Biblioteko, kiu situas en la retejo. Tiujn labordirektojn kuratoras Xavier Godivier, konata pro liaj retaj varbiloj “Esperanto-panorama” (http://esperan-

to-panorama.net), kunordigado de E-lingva plenigo de la reta katalogo DMOZ (http://dmoz.org/World/Esperanto) kaj aliaj interesaj retprojektoj.

Lin helpas aŭ laboras pri propraj projektoj volontuloj de Koreio, Germanio, Japanio kaj Rusio. Se ankaŭ vi volas aliĝi al la teamo aŭ proponi proprajn projektojn, kontaktu Andrej Grigorjevskij, <andreo@mailru.com>, estraranon de UEA pri informado.

La retejon lanĉis en 1996a jaro la eldonisto Torben Kehlet. Post lia morto la retejo dum restis neflegata sed en majo 2002a la heredantoj de Torben Kehlet kaj UEA subskribis kontrakton: la domajnnomo apartenos al la familio kaj la administrado transiras al UEA.

## Pledo

Transskribo de mesaĝo de Marco Trevisán al la forumo "Esperanto en Hispanio" pensigas min, kial tiom da valoregaj hispanaj esperantistoj, havantaj retpoŝton, ne aliĝas al Esperanto-en-Hispanio. Fakte tiu nepartopreno okazigas mankon de kontakto per tiel rapida kaj efikega interkomunikilo. Mi kuraĝas peti do ĝeneralan aliĝon, kaj kiel eble plej vastan informadon pri la ekzisto de la forumo, precipe en ĉiuj lokaj bultenoj.

*Darío Rodríguez*



## Emas korespondi

3 afganaj gelernatoj de la projekto Lingvo de Paco, milit-suferantoj kaj rifughintoj, kiuj nun loĝas en Irano deziras korespondi. Kuraĝigu ilin, sendante simplan bildkarton eĉ se vi ne deziras ade korespondi kun ili! Jen iliaj adresoj:

* f-ino Mojhgan VATANPUR (20 jara, afganino) Tabage 3, Buluk-e 2, Shahrak-e Seyd ol Shohada; Kh: Babai, Yaft Abad, Tehran, Iran.

* s-ro Esmail Vakili (15 jara, afgano) NO:4, K: 4 Garbi, Kh: Fakuri, Ashrafi Esfahani, Punak, Tehran, Iran.

* s-ino Malihe Vakili, 21 jara, afganino) NO:4, K: 4 Garbi, Kh: Fakuri, Ashrafi Esfahani, Punak, Tehran, Iran.

### Komerce

* Por eksportado de piklaĵo, sekigitaj fruktoj (avelo, migdalo, sekvinbero, juglanda karno, pistako, safrano), mielo, ŝtofoj, ŝuoj, drogherboj, tapiŝoj, roza akvo, floroj, vestaĵoj, ŝtonoj, bicikloj, spagetoj, ceramikaĵoj, sapo; kaj speciala bongusta dolĉaĵo tipe irana kiu nomiĝas aNogl en diversaj koloroj kaj formoj, serĉas kontaktojn en diversaj landoj de la mondo Masud Gudarzi; IR-69135-554, Borujerd; Irano;

Rete: <masud8422@yahoo.com>.

www esperanto-es.net

# Stipendioj

La Universitato de Adam Mickiewicz (UAM) en Poznan, dua plej granda universitato en Pollando, ofertas 3-jaran eksteran postdiploman studadon pri interlingvistiko. La kurso okazas en la Lingvistika Instituto, gvidata de D-rino Ilona Koutny, membro de la Akademio de Esperanto, kun partopreno de elstaraj esperantologoj.

Surloka kurso (unusemajna) okazos unufoje en la semestro. Post la fina ekzameno, la gestudentoj ricevos la koncernan atestilon.

Oni povas aliĝi por la studjaro 2002/2003 ĝis la 15-a de aŭgusto 2002. Postuloj: fino de mezgrada lernejo (kun abiturienta ekzameno aŭ egalvalora) kaj bona scio de esperanto. Kelkaj stipendioj estas antauvidataj. Kotizo por unu semestro: 400 EUR.

Pliaj informoj: D-rinon I. Koutny: Lingvistika Instituto de UAM; ul. Mildzychodzka 3-5; PL-60-371 Poznan; T: +48-61-829-27-09;

<ikoutny@amu.edu.pl>.



# Esperanto Alternative

En la semajnfino de la 10a ĝis la 12a de majo 2002, membroj de Esperanto-Fondaĵo Fernando Soler muntis budon ĉe la Alternativa Foiro de Valencio. La budo estis vizitata de multaj interesiĝantoj, kiuj havis la eblecon konatiĝi kun Esperanto, aŭ eĉ renovigi kaj aktualigi siajn informojn pri la lingvo, ĉefe rigardante kaj aĉetante librojn. La plej ŝatata informo estis tiu rilate E-on en la reto.

Sur la foto Jose Martínez kaj Araceli Terrones deĵoras informante.

*Augusto Casquero*

# Scienca studo pri koratakoj

a) En Japanio oni manĝas tre malmulte da grasoj kaj la indico de koratakoj en tiu lando estas pli malalta ol en Britio kaj Usono.

b) Cetere en Francio oni abumde manĝas grasojn kaj la indico de koratakoj en tiu lando estas pli malalta ol en Britio kaj Usono.

c) En Barato (Hindio) oni apenaŭ trinkas ruĝan vinon kaj la indico de koratakoj en tiu lando estas pli malalta ol en Britio kaj Usono.

ĉ) En Hispanio oni trinkas multege da ruĝa vino kaj la indico de koratakoj en tiu lando estas pli malalta ol en Britio kaj Usono.

d) En Alĝerio oni apenaŭ amoras kaj la indico de koratakoj en tiu lando estas pli malalta ol en Britio kaj Usono.

e) En Brazilo oni multege amoras kaj la indico de koratakoj en tiu lando estas pli malalta ol en Britio kaj Usono.

g) Konlude: trinku, manĝu kaj fiku laŭplaĉe, ĉar nur la fakto ke oni parolas la anglan montriĝas vere decida faktoro por ricevo de koratako.

*Partorprenonto de la hispana kongreso en Alikanto.*



## 1a SDER

Por festi sian 25-jariĝon BEC organizas kunvenon por ĉiuj BEC-amikoj kaj simpatiantoj sub la nomo: 1aj Someraj Dialogoj Esperanto-Restadejo, la 6an, 7an kaj 8an de septembro en Camí del Pou 9; 08691 Monistrol de Montserrat; Barcelono; Hispanio.

Tel: 679-71-59-82.

# Ĝemelaj Urboj

## UEA

Kiel oni eble scias la interurba ĝemeliĝo estas interesa paŝo al internaciiĝo, kiu helpas al civitanoj renkontiĝi kun kaj informiĝi pri alialandaj kulturoj.

Pluraj esperantistoj de jaroj aktivas diversmaniere en ĉi kampo, kun alternaj ŝancoj.

Fine de 1999 LEA (Liaoning-provinca E-Asocio, Ĉinio) prezentis al esperantistoj la projekton "Ĝemelaj Urboj". Al ĝi pozitive reagis unuopuloj kaj e-asocioj el pli ol 50 landoj.

Antaŭ unu monato la estraro de UEA (Universala Esperanto-Asocio) nomumis min komisiito pri la projekto "Ĝemelaj Urboj", por kunordigi kaj antaŭenpuŝi la tiukampajn klopodojn.

Jen do skiza laborplano kaj la invito de UEA al aktiva kunlaboro, sendante al ĝia komisiito la informojn necesajn por ĝia realigo.

### Laborplano de la projekto

1. Klopodi kontakt(ig)i esperantistojn loĝantajn en jam ĝemelaj urboj, por ke ili kune proponu kunlaboron al la lokaj instancoj cele al intensigo de la ĝemelaj interŝanĝoj.

2. Verki konsilaron pri kiel kontakti la urbajn aŭtoritatojn, proponante servojn de la esperantistoj en starigo aŭ/kaj plibonigo de interurbaj ĝemelaj rilatoj.

3. Instigi esperantistojn iniciati ĝemelajn rilatojn en propra urbo.

4. Klopodi establi kontaktojn kun institucioj-naciaj kaj internaciaj-kiuj agas en tiu kampo, por interŝanĝo de informoj kaj proponante kunlaboron.

Por tion realigi:

5. alvoki esperantistojn kiuj loĝas en ĝemeligitaj urboj, komuniki al la komisiito la koncernajn urbonomojn kaj ĉu ili jam establis kontaktojn kun la esperantistoj de tiuj urboj.

6. komuniki al la esperantistoj la adresojn de la esperantistoj loĝantaj en la ĝemelurboj por establi kontaktojn

Komisiito Wu Guojiang

Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo;

113008 Fushun Liaoning; Chinio.

Ret-adreso: amikeco999@21cn.com



# PoLimoRFiA ArKiteKniA

Solo-Solotronik' estas unuopa muzikgrupo, vivstrata nomo. Edu Vargas estas muzikisto de konservatorio jam de 1978, mimo-teatro-radio-komponisto de klasika kaj moderna muziko, esperantisto de 1988. Lia muzik-stilo "la Solotronik" estas muziko naskiĝanta ĉe paradiza flugado tra sferoj de la menso, senhalta miksado de naturo kaj elektroniko. La lingvoj uzataj por komponado: esperanto, hispana, angla, vulkana, klingona kaj ankaŭ la "spockiana".

"Polimorfia" estas muziksonaro, koncepte ŝprucanta el nia nuntempa art-epoko, dum la vorto "Arkiteknia" klopodas ligi nian arkitekturan teknikon kun la teknomuzik-stilo. Ambaŭ originalaj vortoj, kiuj donas nomon al mia lasta k-disko, celas esprimi la rilatojn inter muziko kaj la etoso, kiu kreas la nuancojn de la antikvaj industrioj kaj iliaj preskaŭ ruinigitaj komputiloj. Robotiko preskaŭ detruis la tradician industrion. La evoluo detruas la malevoluon (aŭ ĉu inverse?). Nur la menso pere de ĝiaj psikodelaj flugoj kaj romantikaj revoj havas sufiĉan povon por kapti el estinteco la diversajn artajn detalojn de niaj propraj kreaĵoj, kaj tiel nun ĝi helpas al ni memorigi ke la tempo forpasas, sed ni povas kontroli niajn anksiojn kaj erarojn. Kiam ni parolas pri psikodelio, ni parolas pri la aŭtenta maŝino kiu estas nia menso (laŭ religia koncepto tio nomiĝas "spirito", laŭ arta koncepto tio simple nomiĝas "esenco"). Fakte, nia menso estas la aŭtenta masino, la aŭtenta "dio" kiu ekzistas kaj kontrolas nian industrion, t.e. nia korpo. Analogie la naturo povas esti la menso de nia vivo. Kvankam la homo klopo-

das kontroli la naturon, fine tiu venkas kaj decidas la destinon de ĉiuj homoj kune kun ties maŝinoj.

Ĉi albumo kreiĝis sen instrumentoj surstrate. Vidante la ĉielon, kaj meditante pri la vivo kaj la naturo kiu ĉirkaŭvolvas nin. la disko ricevis malsimilajn specojn de influoj. Dum surstrata promenado alvenis amaso da fortaj ideoj, la rigardo de speciala virino, kaj hazarda trovo ("De via nom'"); la nuntempa epoko kiu batas nin per elektraj emoj ("Masine", "Lobotomiks'"); la memoro de la infaneco antaŭ la materia mondo kiu degeneras en la malplenon de la eterna nokto, la junaj deziroj de mia spirito kiu piediras sur la monto "Seleya" en tiu planedo kiu ekzistas nur por tiuj kiuj kredas pri ĝi ("Kiel s-ro Spock"); ktp.



Solotronik

Aliaj diskoj de Soltronik

Kosmo-Infano1990

Ili estas nur kanzonoj1991

Vulkano1994

Miraklo1995

Rekiem1997

Astral Egoency1998

Vulkano (nova)1998

PoLimoRFiA ArKiteKniA1999

*El la ttt-paĝoj de AEU*

# Dank-esprimo

Mi volas kore danki amikon José María Rodríguez Hernández pro lia artikolo aperinta en la 355a numero de Boletín "Kiel Córdoba fariĝis Kordovo", en kiu li ne nur flatas min, sed ankaŭ bonege resumas la originon de la esperanta vort-formo. Kurioze, ĉu ne, ke argentinaj esperantistoj preferis bapti sian klubon "Kordoba" Esperanto-Asocio.

*Antonio Valén*

Niaj herooj

# Emilio Herrera

Kiu estis Emilio Herrera, homo pri kiu multaj legantoj kaj ĝis antaŭ nelonge la skribinto neniam aŭdis, kaj se ili aŭdis aŭ legis eble forgesis meze de amaso da aliaj historiaj nomoj? Kiam oni legas lian biografion, oni demandas sin kial tiu ĉi plurtalenta hispano estas tiom malmulte konata hodiaŭ. Li okupiĝis pri tre diversaj fakoj, kaj en ĉiuj li brilis kaj famiĝis siatempe, sed, ve, la ombro de la ekzilo vualis lian figuron, kaj eĉ tiun de liaj ĉirkaŭuloj.

La homo, hodiaŭ konata kiel Generalo Herrera, naskiĝis la 13an de februaro de 1879, en Granado, filo de militisto tre interesita en la scienco, kiu komunikis al sia filo du ties ĉefajn trajtojn: scivolon kaj honorsenton.

Li iĝis inĝeniera militisto en Guadalajara, kie li konis sian estontan edzinon Irene Aguilera. Ankaŭ tiam naskiĝas lia intereso al aviado. Tiam estis la tempo de la unuaj uzoj de la balonoj, kiel ankaŭ de la naskiĝo de la aviado, kaj Herrera tre baldaŭ interesiĝis pri ambaŭ flugeblecoj, ne nur el militista sed ankaŭ el sporta kaj sciencaj vidpunktoj. Li partoprenis kelkajn gravajn konkurojn de flugado per balonoj, inter ili la tiam fama "Grand Prix" de Parizo, kie li veturis el tiu ĉi urbo ĝis nuna Ĉeĥio, gajnante la duan premion kaj akirante grandan popularecon. Li faris ankaŭ la unuajn sciencajn esplorojn en kiuj uziĝis balonoj, studante la t.n. sunajn ombrojn okaze de la eklipso okazinta en 1905. Krome, li ankaŭ uzis en la maroka milito la eblecojn esplori pere de tiuj flugmaŝinoj.

Baldaŭ li konatiĝis kun la aviadaj avancoj de la fratoj Wright, kiujn li konis dum iliaj vojaĝoj al Eŭropo, kaj, kun sia amiko, la poste ankaŭ tre konata Alfredo Kindelán, troviĝis inter la unuaj oficiale agnoskitaj hispanaj pilotoj.



Li estis la unua aviadisto kiu superflugis la Ĝibraltaran Markolon, en 1914, pro kio li ricevis la honortitolon de "reĝa ĝentilhomo" fare de Alfonso 13a. Tiu ĉi honoro ebligis al li tre poste montri tiun jam pli frue menciitan econ, lian honorsenton: kiam alvenis la Respubliko, kaj li devis ĵuri fidelecon al ĝi, li vojaĝis al la estinta reĝo por peti ke tiu ĉi forigu la devon respekti la antaŭan ĵuron, ĉar li kredis ke ĝis tiu momento li ne povus malrespekti la donitan honorvorton. Cetere, la reĝo lin liberigis de tiu devo, kaj permesis al li la aliĝon al la respublika militistaro. Li estis la ununura ĝentilhomo (inter multaj aliaj tre famaj) kiu faris tiun ĉi paŝon, kio aldone ne estis plene komprenita de la aŭtoritatoj, kiuj ne plene fidis lin dum la unuaj jaroj, konsiderante lin monarĥema.

Post la unuaj iom aventuremaj jaroj, la aviado transiris al pli scienca disciplino, kaj Herrera, konsekvence kun siaj fruaj emoj, ankaŭ pioniris tiun ĉi transiron. Li organizis en 1918 la konstruadon de la Aeronaŭtika Laboratorio de "Cuatro Vientos", apud Madrido, kie li interalie planis kaj direktis ventan tunelon tre kompletan kompare kun la ekzistantaj en aliaj landoj de Eŭropo. Inter la esploroj tie malvolvitaj troviĝas la rilataj al la perfektigo de la aŭtoĝiro unue elpensita de Juan de la Cierva, kun kiu li tre proksime kunlaboris.

Lia okupiĝo pri scienco estis ankoraŭ pli kompleta. Li ekinteresiĝis pri matematikaj kaj teorifizikaj aferoj, en kiuj li kontribuis precipe per disvastigaj aktivaĵoj. Tiele, li estis unu el la pli fruaj enkondukantoj en Hispanion de la teorio de relativeco de Einstein, kun kiu li intertraktis okaze de ties vizito al Madrido en 1923.

Li estis vicprezidanto de la Akademio de Matematiko, kaj en 1932 li estis ankaŭ elektita ano de la Akademio de Sciencoj. Jam antaŭe estis membroj de tiu institucio du aliaj elstaraj esperantistoj, Leonar-




do Torres Quevedo kaj Vicente Inglada Ors, kun kiuj li estis partopreninta en 1925 la Internacian Konferencon por la Aplikado de Esperanto en la Sciencoj, okazintan en Parizo en 1925.

Lia partopreno en sciencaj aktivaĵoj ne limigis sin al la teorio. Li helpis fondi la Aeronaŭtikan Altlernejon, nun Altlernejon por Aeronaŭtikaj Inĝenieroj de la Madrida Politeknika Universitato, kies unua direktoro li estis. Li plu vojaĝis per aviadiloj kaj balonoj, kaj precipe li tre penis por la starigo de regulaj linioj, komunikantaj per direktbalonoj Eŭropon kaj Amerikon. Li planis vojaĝlinion el Sevilo al Bonaero, kiu fine ne sukcesis pro financaj kaŭzoj. Sed li partoprenis la unuan transatlantikan vojaĝon per zepelinoj, el Germanio ĝis Novjorko, kie li kaj liaj kunuloj estis ricevitaj kvazaŭ herooj, kiel ankaŭ poste en pluraj lokoj de Sudameriko.

Dum la tridekaj jaroj li planis ankoraŭ pli kuraĝan esploron: la vojaĝon al la stratosfero per malfermita balono. Jam antaŭe la fama franco Picard estis vojaĝinta per fermita balono, sed Herrera planis gravan avancon: la uzon de malfermita balonkorbo, kio permesus mezuradon de fizikaj parametroj. Tio postulis la uzon de skafandro, kiun Herrera mem elpensis kaj ekkonstruis. La ascendo estis planita por oktobro de 1936... sed la tutajn klopodojn malhelpis la eksplodo de la hispana interna milito. Ĝuste tiu komenco trafis lin en Santander, kie kun Picard li eksplikis liajn planojn pri la esploro en la Internacia Somera Universitato de Santander.

En tiu urbo lin trafis la neceso difini kion li faros dum la milito. Lia idearo estis katolika kaj monarĥema —ni memoru tion diritan pri liaj rilatoj al Alfonso la 13a—, tre proksima al tiu de lia amiko Kindelán, unu el la ĉefaj ribelintoj, kaj multaj pensis ke ankaŭ li aliĝos al tiu tendaro. Sed li ne havis dubojn: li estis doninta sian honor-vorton al la leĝa reĝimo, kaj li serĉis sian vojon al Madrido, kie li kunlaboris en la organizado de la respublikana aerarmeo. Tie li atingis la gradon de generalo, pri kiu li poste tre fieris, sed kiun la posta reĝimo ne agnoskos.

Tiam trafis lin lia plej dolora familia tragedio: lia plej juna filo, Emilio, kiu iĝis milita piloto en la lojala flanko, estis morte faligita dumbatale. Lia alia filo, José Herrera, konita kiel Petere, estis poeto kaj romanisto, tre konata tiutempe, gajninta interalie la Nacian Literaturan Premion; li estis tre amika al Miguel Hernández, kun kiu li membris en la Komunista Partio; li plu verkis dum sia pos-

ta ekzilo, kaj lian nomon oni facile trovas en la studoj pri la ekzila beletro, sed ankaŭ, kiel okazas al lia patro, li apenaŭ estas konata nuntempe.

La fino de la milito trafis generalon Herrera en Sudameriko, kie li estis vojaĝinta kun Indalecio Prieto al diplomatia kaj propaganda ceremonio. Li restis en Parizo, kie li loĝis de tiam.

Herrera komencis kunlabori en la helpo al la hispanaj rifuĝintoj, kaj en la organizado de la ekzilaj organizaĵoj, kulturaj kaj politikaj. Tiu estis nova flanko de lia aktivado, al kiu ĝis tiam li apenaŭ estis atentinta. Interalie, li estis poste nomita ministro de la hispana registaro en la ekzilo.

Li ne povis forgesi siajn sciencajn strebojn, interalie ĉar tio permesis lin, tiam pli ol sesdekjaran, vivteni sin. Li kunlaboris en la franca Astronaŭtika Instituto, ĝis kiam direktoro favora al generalo Franco malhelpis liajn postajn esplorojn. Li ankaŭ kontribuis al sciencaj revuoj per artikoloj pri aeronaŭtiko, spacvojaĝoj, nuklea energio, kaj aliaj. Li laboris por la Unesko, el kiu li eksiĝis kiam la hispana reĝimo de Franco estis akceptita; tiu honesta kaj kuraĝa ago, tre dolora por li pro sciencaj kialoj, kaj ankaŭ tre grava ĉar li perdis sian ĉefan enspezfonton, tre famigis lin tutmonde.

En majo de 1960, li estis nomita ĉefo de la hispana ekzila registaro, ankoraŭ agnoskita de kelkaj progresemaj ŝtatoj, precipe Meksikio. Li okupis sin pri diplomatiaj klopodoj forigi la disrompon



de la hispana unueco, kaj alveni al demokratia reĝimo en Hispanio. Li verkis alvokojn, plenajn de fido en la libereco, al la hispanaj internaj militistoj, al la religiaj gvidantoj kaj al la plej gravaj ŝtatestroj. Komence de 1962 lin anstataŭis Claudio Sánchez Albornoz.

Li mortis en Ĝenevo en 1967.

Post la reakiro de demokratia reĝimo en Hispanio, lia figuro tre malrapide komencas iĝi pli konata. En la aeronaŭtika medio estas pli agnoskitaj liaj sciencaj kaj organizaj atingoj, interalie per la Fondaĵo Emilio Herrera, aŭ per la starigo de la samnoma Premio fare de la Fondaĵo AENA. Li estis omaĝita en Granado okaze de la rehejmigo de liaj postmortaj restoj en la okdekaj jaroj. Mankas ankoraŭ plena agnosko fare de la socia popola medio, sed restu ĉi tiuj linioj kiel omaĝo de la esperanta movado al unu el ĝiaj plej elstaraj kaj meritaj anoj.

*Toño del Barrio*

# La obskuraj anguloj de la Historio

Antaŭ ne longe mi legis kun ioma surprizo sur paĝoj de E-revuo frazon de esperantisto, kiu ellasis kvazaŭ ŝvebanta en la aero riproĉo-lamenton: mi serĉis la nomon de esperantisto en la verko "Analoj" kaj mi ne trovis ĝin!

Trankvile, sen ajna ekscito mi "digestis" tiun kvazaŭ riproĉon kaj dialogis kun mi mem: ĉu eble saĝa homo povas skribi tiun frazon serioze? Ĉu iu ajn povas pretendi, ke nur sur pli ol mil paĝoj oni komentu la aktivadon de miloj kaj miloj da esperantistoj laŭlonge de unu jarcento?

Jes! —mia kara leganto— ekzistas multaj geesperantistoj ne menciitaj sur la paĝoj de "Analoj". Mi mem, post longaj jaroj de esplorado eksentas certan agrablan surprizon kiam, dum miaj oftaj legadoj, mi trovas en malnovaj dokumentoj belajn historiojn de esperantistoj ne aperintaj ĝis nun sur paĝoj ne nur de "Analoj", sed ankaŭ de iu alia esperantista libro publikigita ĝis nun.

Ekzemple, mi legis sur paĝoj de ne-esperantista revuo la historion de hispana esperantisto, rifuĝinta post la intercivitana hispana milito en pun-koncentrejo de Alĝerio, kie oni murdis senskrupule, do li preferis pli bone morti ol suferi tiom da humiligoj. Riskante sian vivon li forkuris el la koncentrejo kaj suferis terurajn persekutojn. Oni ne scias kiel li translokiĝis al Francio, batalis dum jaroj en la franca rezistado, estis speciale honorigita per medalo, kaj post la mondmilito aktivis kiel elstara esperantisto, vivis belajn horojn de amo, kaj fine mortis en hospitalo de Vietnamo sen la konsolo de mano amika kiu mildigu liajn suferojn. Lia nomo ne aperas en "Analoj", sed eble aperos en venontaj verkoj miaj.

Sed ne ĉiam la historioj estas dramaj, ekzemple, mi legis la viverojn de kataluna esperantisto, astronomo, efika propagandisto en kleraj sciencistaj medioj, kunfondinto de kataluna E-Grupo. Li loĝis kelkfoje en Londono kaj pli ofte en kataluna urbo, kaj en la propra hejmo havis observatorion por studadi la astrojn. Ĉiutage li kunvenis en sia domo kun aliaj esperantistoj por konversacii pri la Movado aŭ pri mil aliaj esperantistaj eventoj. Lia talento kaj scioj pri astronomio estis tiel grandaj ke, kiel faka rekono, la "Internacia Luna Asocio" de Londono donis lian nomon al lunkratero. Ankaŭ lia nomo ne aperas en "Analoj", sed tre probable aperos en venonta verko mia.

Kaj kiel tiuj, ankaŭ mi legis menciojn de bonaj esperantistoj kiuj ne aperas en "Analoj", eble ĉar ili ne estis protagonistoj de elstaraj aktivadoj, eble ĉar ili estis tre modestaj kaj faris ĉion eblan por ke ilia nomo ne aperu en esperantistaj revuoj.

Krom la biografietoj aperintaj en pluraj el miaj verkoj, de tempo al tempo mi verkis biografiojn de elstaraj esperantistoj, kiel tiuj de generalo Mangada, Francisco Máñez, Vicente Inglada k.a.

Malofte venas al mi konsultoj de geesperantistoj kiuj apenaŭ estas menciitaj en "Analoj" aŭ en aliaj el miaj verkoj. Mi respondas ĉiam laŭ mia scio. Inter ili, laste, koincidis du konsultoj pri informoj de eminenta homo: ambaŭ pri Emilio Herrera Linares.

Plaĉe mi informas publike kion mi scias pri li: generalo Emilio Herrera, pioniro de la aviado, naskiĝis en 1879.

Mi ne havas certan daton pri lia esperantistiĝo, sed oni povas certigi senerare ke li jam estis esperantisto dum la unuaj dudekaj jaroj, ja tiutempe okazis en Madrido oftaj Esperanto-kursoj: ĉiujare unu, minimume, en la "Ateneo de Madrido", gvidata de Julio Mangada Rosenörn, alia en la Madrida Universitato gvidata de d-ro pri Filozofio kaj Beletro pastro Mariano Mojado, ankaŭ sekretario de HEA; kaj aliaj en la esperanto-Grupoj de Madrido. Preskaŭ certe li lernis Esperanton en "Ateneo de Madrido" ja li apartenis al amika rondeto kiu kunvenis preskaŭ ĉiutage ĉe la Ateneo.

En 1925 okazis la "Konferencoj de Parizo" en la Sorbono-Universitato de la franca ĉefurbo, kies celo estis serĉi la plej adekvatan sistemon por apliki Esperanton en Sciencoj kaj Komerco. Reprezentis la Hispanan Registaron Leonerdo Torres Quevedo, akademiano pri Sciencoj; Vicente Inglada Ors, profesoro pri stronomio, Geodezio kaj Meteologio; kaj Emilio Herrera Linares, matematikisto kaj inĝeniero pri Aeronaŭtiko. La triopo tre bonaj esperantistoj.

Samideano Herrera estis homo tre aktiva en aeronaŭtikaj temoj kaj eksperimentoj pri aviado. Li ne aperis ofte ĉe la unua vico de esperantistaj aktivistoj, sed ĉiam viglis kiam oni bezonis lin. En 1926, okaze de la Sesa Hispana E-Kongreso okazinta en Madrido li estis elektita membro de la Honora Komitato de Instituto de Esperanto, institucio al kiu apartenis nur esperantistaj eminentuloj pri Scienco, Arto kaj Literaturo.

En 1928 li partoprenis en la 8a Hispana Esperanto-kongreso okazinta en Oviedo, kie li prelegis helpita de lumbildoj pri siaj spertoj en vojaĝo al Ameriko, kiun li faris per Zeppelino. Tiu prelego estis organizita de la Popola Ateneo de Oviedo, kaj tiuokaze Herrera elokvente asertis "ke Esperanto estas la nepra lingvo de nia estonto kaj konkrete la aerlinioj ne nur jam bezonas Esperanton, sed kelkaj kompanioj, kiel «K-io Farman» jam uzas ĝin ĉiutage en la eksterlandaj aerservoj". Don Emilio Herrera estis elekti-







## 10a Internacia Esperanto-Semajno de Kulturo kaj Turismo

19a ĝis 26a de Oktobro 2002, Cambrils (Tarragona)

Kun la partopreno de la Prezidanto de UEA, Prof. Renato Corsetti, kiu prelegos la dimanĉon posttagmeze pri la temo: UEA, faktoj kaj celoj.

Aliĝoj: ĝis la 31 de julio 21 €, poste 24 €. Kompleta pensiono 30 € tage en dulita ĉambro kaj 36 € en unulita ĉambro.

Informas Santiago Torné; Apartado 423; 08200 Sabadell; Tel: 937-25-34-21; Rete: <luis_serrano@e-milio.com>

---

ta en tiu ĉi kongreso Honora Vicprezidanto de Hispana Esperanto-Asocio.

Kiam eksplodis la intercivitana hispana milito, generalo Herrera ne dubis eĉ unu momenton: li promesis servi al la Hispana respubliko kaj homo honesta restis fidela al ĝi, kaj kiel ne povis okazi alimaniere kiam la milito finiĝis li devis ekziliĝi kaj loĝi dum multaj jaroj en Parizo.

( )

Generalo Herrera estis prezidento de la registaro de la Hispana Respubliko en ekziliĝo, kaj kiam la politiko kondamnis al forgeso la hispanajn respublikanojn ekzilitajn, li kaj lia edzino, loĝantaj en Parizo, vivis en la plej korprema mizero kaj malsato, ĝis la Akademio pri Sciencoj de Parizo eksciis pri tiu bedaŭrinda situacio kaj asignis al li meritoplenan pension. Tamen, li ne longe ĝuis ĝin, ĉar apenaŭ unu jaron poste li forpasis kiam li aĝis jam 88 jarojn.

Don Emilio Herrera Linares estis sendube grava sciencisto, honesta homo — kaj bona esperantisto.

*Antonio Marco Botell*a

# La unua esperanto-simfonio

La muzikfirmao "Verda Stelo Music" fieras anonci, ke la longe atendita orkestra k-disko kun la unua Esperanto-simfonio (de la usona komponisto David Gaines) jam aĉeteblas. La usona firmao "MMC Recordings" eldonis la k-diskon, kiu enhavas ankaŭ la koncerton por eŭfoniumo (tenora tubjo) kaj orkestro komponita de D-ro Gaines. Oni povas trarigardi kaj aĉeti la diskon ĉe la TTT-ejo de "MMC Recordings" ĉe <http://www.mmcmusic.com>. Eventuale la KD haveblos ankaŭ ĉe la kutimaj grandaj vendejoj por klasika muziko tutmonde, kaj ankaŭ ĉe E-movadaj libroservoj.

Netigita kiel doktoriĝa disertacio en 1998, la Simfonio N-ro 1 "Esperanto" por mezsopranulino kaj orkestro de D-ro David Gaines estis registrita de la Moravia Filharmonika Orkestro de Ĉehio sub la gvido de dirigento Vít Micka, kun kantistino Kimball Wheeler, en oktobro 2000. Jen la unua simfonia muzikaĵo por orkestro iam ajn komponita uzanta tekston en la internacia lingvo Esperanto!

La usona komponisto David Gaines estas rekonita internacie kaj pro lia muziko kaj pro lia entuziasma reklamado de la muziko de aliaj usonaj gekomponistoj per la internacia lingvo Esperanto. Li estis gastkomponisto ĉe la Universitato de York en Britio, la Rejkjavika Konservatorio en Islando, kaj la Internacia Muzik-Seminario en Stara Zagora, Bulgario. D-ro Gaines posedas diplomojn de la usonaj universitatoj Northwestern University, American University, kaj la Peabody-Konservatorio de Muziko de Johns Hopkins University. Inter liaj honoroj estas la Unua Premio en la kanto-branĉo de la 1995aj Belartaj Konkursoj, pro lia korusa kanto "Povas Plori Mi Ne Plu."

Pliaj informoj ĉe:

<Www.davidgaines.org>

aŭ <www.mmcmusic.com>

*Ret-info*

# Forpasis Luis Maria Hernández Yzal

Kun profunda doloro ni ricevis la novaĵon pri la forpaso de nia samideano kaj amiko Luis María Hernández Yzal, unu el la esperantistoj plej elstaraj de la Kataluna Esperanta Movado.

Homo tre kompetenta pri esperantistaj-historiaj temoj, mi kutimis renkontiĝi kun li almenaŭ unu fojon ĉiujare (preskaŭ ĉiam okaze de la Internacia Esperanto-Semajno) ĝuste por konversacii tiel longe kiel eble pri la menciitaj historiaj temoj kiuj vere pasiigis nin ambaŭ. Laste, ni, fojon post fojo, koincidís pri la bezono ke iu kataluno verku la Historion de Esperanto en Katalunio, kaj ni ambaŭ konsentís ke tiu Historio estas vera juvelo kiu meritas nepre aperi sub formo de libro, ne nur por legado, sed precipe kiel dokumento konsultebla en niaj arkivoj. Fine, li proponis al mi plenumi tiun taskon, sed mi daŭre pensis kaj pensas ke, pro diversaj nekontesteblaj motivoj, la verkonto devus esti kataluno. Tial mi firme rezignis tion fari. Tamen... post forflugo de kelkaj monatoj mi repensis la aferon kaj preskaŭ konvinkita ke ne aperos alia kandidato, mi decidis verki ĝin, ĉu eble por komplezi lin, aŭ certe por kontentigi nin ambaŭ.

Tiu koincido de opinioj en tiu konkreta temo kondukis nin al reciproka persona estimo, kiu por la legantoj de "Boletín" konkretiĝas en mia aserto, ke sendube li estis la plej kompetenta esperantisto pri historio de Esperanto en nia lando. Sed, krom tio, gravas por niaj legantoj scii la viverojn plej gravajn de mia amiko Luis kiel esperantisto:

Luis María Hernández Yzal, apotekisto de Sant Pau d`Ordal, naskiĝis en 1917 kaj esperantistiĝis en 1956. Baldaŭ li komencis kolekti priesperantajn dokumentojn por sia privata arkivo, sed impulsita de tiu inklino li, vole nevole, sin trovis kun atentinda amaso de E-libroj, revuoj, malnovaj dokumentoj kaj kuriozaĵoj, kiuj sugestis lin fondi Esperanto-Muzeon.

En 1968, okaze de la Deka Barcelona Provinca Esperantista Renkontiĝo li efektivigis tiun inklinon kaj fondis la Hispanan Esperanto-Muzeon en sia propra hejmo, t.e. en Sant Pau d' Ordal (Barcelono).

Post ne longa tempo, la materialo kolektita estis tiel abunda ke lia hejmo ne plu sufiĉis por enhavi tiom da materialo kaj li decidis konstruí specialan domon nur por la Muzeo, kaj en 1974 oni inaŭguris ĝin profitante la okazigon de la 26a IFEF-kongreso okazinta en Tarragono.

La Muzeo tuj altiris la atenton naci- kaj internaci-skale de esploristoj en priesperantistaj temoj aŭ simplaj esperantistoj, kiuj plezure vizitis ĝin, kaj havis la okazon sati ilian scivolemon aŭ bezonojn. Ĉiuj vizitantoj povis admiri la imponan laboron kiu signifis la organizadon kaj mil aranĝojn de la Muzeo fare de unu sola homo unu tago post alia: tiu de nia amiko Luis.

Li ankaŭ aktivis en la Katolika Esperanto-Movado kaj plurfoje prelegis en esperantistaj medioj. Kiam HEF translokis ĝian ĉefsidejon al Barcelono, laŭ decido de la HEF-asembleo okazinta en Cartagena en 1985, s-ro Hernández Yzal estis elektita Vicprezidanto de Hispana Esperanto-Federacio.

Luis Mª Hernández Yzal kunfondis la ĉiujaran celebradon de "Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo", kiu efektiviĝas en katalunaj urboj de antaŭ pluraj jaroj kun evidenta sukceso.

De antaŭ pluraj jaroj, s-ro Hernández estas prezidanto de Hispana Katolika Esperantista Asocio kaj ankaŭ estas Honora Membro de Universala Esperanto-Asocio.

La forpaso de samideano Hernández Yzal estas ja grava perdo por la Kataluma kaj Hispana E-Movado, tial, interpretante la komunan senton de ni ĉiuj, mi esprimas al lia familio, kaj speciale al lia edzino, s-ino Teresa Massana, nian plej korsentitan kondolencon

Ke li pace ripozu!

*Antonio Marco Botella*

## Forpasis

Forpasis samidenao Alfonso Tur Thomas (1928—2002), delegito de UEA en Barcelono, vicprezidanto de Hispana E-Istituto, redaktoro de ties bulteno, Eŭropa Unio, kaj multjara instruanto de Esperanto.

Li kunlaboris en la ingaŭguro de strato Dr. Zamenhof en Barcelono en 1961, partoprenis, agadis kiel vicprezidanto de la LKK de la 24a Hispana Kongreso (plej multnombra kongreso kun 600 partoprenintoj), kunlaboris por la eldonado de oficilaj afiŝoj kaj poŝtkartoj de la Specimenfoiro de Barcelono en 15.000 ekzempleroj,inter la jaroj 1963—1977, kaj danke al liaj elpaŝoj la flugkompanio Iberia eldonis Esperanto-informilon.

Ni danku al homo kiu daŭre kaj brave strebis favore al Esperanto.

*Suno.*

# Litera turo

## "Las palabras andantes"

Novelaro, Eduardo Galeano

"Historia del fatal encuentro entre el bandido del desierto y el poeta arrepentido" (Novelo).

"La victoria de la Civilización sobre la Barbarie fue destacada en primera página por la prensa local, regional, nacional, continental y mundial. Sabino cobró la recompensa y la donó a las obras de caridad, en acto público que fue retransmitido en directo por la BBC de Londres. El libro que narró su hazaña se tradujo al inglés, al francés, al alemán y al esperanto, y el poeta Sabino fue elegido Hombre del Año por la revista Time."

## "Las edades de Lulú"

Almudena Grandes.

"A Pablo le divertía mucho mi actitud de perpetua sorpresa, y la fomentaba con regalos inequívocamente individuales, cosas maravillosas para mí sola, plumas estilográficas, peines, una caja de música con cerradura, un diccionario griego-esperanto, un tampón de goma con mi nombre completo grabado en espiral, unas gafas con cristales neutros, eso fue lo que me hizo más ilusión, nunca las he necesitado, pero me apetecía tanto tener unas gafas..."

*Ana Manero*

# Esperantio
# Kaj
# Esperantujo

Ni bone scias ke kelkfoje, okaze de niaj kunvenoj, renkontiĝoj, seminarioj kaj kongresoj, ni uzas la vortojn Esperantio kaj Esperantujo por esprimi la "idealan landon de la esperantistoj".

Sed jen, nuntempe, iuj esperantistoj ŝajnas proponi pere de la menciitaj vortoj "realan sendependan landon" de kaj por la esperantistoj, uzante konfuzajn kaj paradoksajn frazojn kiel: identeca kolektivo, komuna vivostilo, neŭtrala teritorio, propra normaro, nacia identeco, internacia kodaro, diaspora lingva kolektivo, nova civitaneco, Esperanto mia patrio, Esperanto-komunumo, ktp, ktp, kiuj aperas en diversaj E-revuoj.

Eble mia cerbo konfuziĝas, sed bonvolu respondi al mi, leganto, jenajn demandojn: Ĉu la lernado, instruado, korespondado, verkado aŭ simpla uzado de Esperanto, rajtigas homon alpreni alian civitanecon? Ĉu la esperantistoj posedos du civitanecojn, unu ligitan al sia naskiĝlando kaj alian devenantan el ilia esperantisteco?



Walter Zelazny estas la unua Konsulo de la Esperanta Civito. Ljubomir Trifoncovski estas la unua Vickonsulo. La senatanoj estis proklamitaj de la Forumo kaj juris fidelecon al la Konstitucio en Loklo, la 23an de februaro 2002.

*HdE*

Laŭ la tradicio, Esperanto estas nur "lingva ilo kun interna ideo", por solvi la komunikadon inter homoj el malsamaj lingvoj, precipe uzinda en la internaciaj rilatoj kie ekzistas diversaj lingvoj, evitante ajnan superregadon.

Plie, supozeble, esperantistoj ne celas novan civitanecon, sed nur tio ke Esperanto anstataŭu la naciajn lingvojn uzatajn kiel internaciajn. Tio estas, ili nur celas ke Esperanto estu internacia lingvo kun la samaj rajtoj, devoj, agnoskoj kaj financa apogo kiel la aliaj lingvoj. Aŭ ĉu eble ne?

*Salvador Aragay*

# VERONA 2002

**5a Eŭrop-Unia Esperanto-Kongreso**

23 — 28 aŭgusto 2002

A L I Ĝ I L O

Familia nomo: . . . . . . . . . . . Persona nomo:. . . . . . . . . . . . . viro/virino
Adreso: (nacilingve, latinlitere). . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Lando:. . . . . . . . . . . . . . Tel.-n-ro (kun prefikso) . . . . . . . . . . . . .
Faks-n-ro . . . . . . . . . . . . e-poŝto: . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Junuloj (ĝis 30-jaraj), kunuloj de kongresanoj kaj handikapuloj pagas reduktitan kotizon. Por ĉiu aliĝperiodo sekvas la kotizoj laŭ kategorioj en la jena ordo:

| | | |
|---|---|---|
| Aliĝ-kotizoj . . . . . . . . . . . | 1 (Ordinara) . . . . . . . . . . . . | 2 (Reduktita) |
| ĝis 31 mar. 2002 . . . . . . . . . | 80 € . . . . . . . . . . . . — . . . . . . . | 40 € |
| ĝis 31 maj. 2002 . . . . . . . . . | 90 € . . . . . . . . . . . . — . . . . . . . | 45 € |
| Poste. . . . . . . . . . . . . . . | 100 €. . . . . . . . . . . . — . . . . . . . | 50 € |

(Infanoj ĝis 10-jaraj kaj akompanantoj de handikapuloj aliĝas senpage)

Mi pagis . . . . . . . . . . . . . . . . . eŭrojn por aliĝo en kategorio . . . . . . . . . . .
(Indiku la motivon de redukto: junulo, kunulo, handikapulo; forstreku la nevalidajn) al la organiza komitato per p.ĉ.k / per la UEA-konto salv-i / per HEF; forstreku la nevalidjn.

Dato . . . . . . . . . . . . . . . Subskribo. . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Organiza komitato: Verona Esperanto-Grupo, CP 1616, 37100 Verona, Italio

e-poŝto: <esperantoverona@adriacom.it> p.ĉ.k. 25673328, je la nomo de la kasisto:

s-ro Sergio Antoniazzi, Via Brigata Casale 1, 37137 Verona, Italio.

Oni povas pagi rekte al la O.K., per p.ĉ.k. , per ĉeko je la nomo de la kasisto aŭ per la UEA-konto salv-i —Sendu pagon kaj aliĝilon al la sama adreso, kun fotokopio de la pagatesto.

Oni povas kopii la aliĝilon, plenigi kaj sendi ĝin per ordinara aŭ elektronika poŝto al la Organiza Komitato: Verona Esperanto-Grupo.

Se vi pagas al HEF, sendu al ĝi vian aliĝilon, sed samtempe bonvolu ankaŭ sendi kopion de ĝi aŭ e-poŝtan sciigon al la Organiza Komitato.

## 61a Hispana Kongreso de Esperanto




**1a ĝis 4a de aŭgusto**

**Alicante**

Colegio Mayor Universitario
Campus de la Universidad s/n
San Vicente del Raspeig.

# Loĝado

En la kongresejo (unulita ĉ. + matenmanĝo): 20 € ĝis 30a de junio; poste 24 €.

ATENTU: la nombro de ĉambroj en la Universitata Hotelo estas nur 30 kaj oni disponigos ilin ĝis elĉerpiĝo laŭ la dato de mendo. Mendu tuj do!

Aliaj loĝejoj (en la urbocentro): Pensióno: 18 € po persono.

| Hoteloj | Unulita ĉ. | Dulita ĉ. | Trilita ĉ. |
|---|---|---|---|
| Hostal-Residencia A | 21 € | 34 € | 44 € |
| Hostal-Residencia B | 27 € | 39 € | — |
| Hostal C | 24 € | 44 € | 51 € |
| Hotel A | 32 € | 50 € | — |
| Hotel-Residencia B | 47 € | 59 € | — |

Ĉiuj prezoj estas po unu tago.

Bankkonto: BANCAJA; Strato Málaga 37; 46009 Valencia. Kontonumero: 2077-0069-24-3100702329 Congreso de Esperanto.

Konstanta adreso: Augusto Casquero de la Cruz. Avenida Burjasot, 29, A-31; 46009 Valencia. Retadreso: <augustocasquero@infonegocio.com>

Atentu ke oni rezervos laŭ la eblecoj, ĉar en Alicante malfacilas rezervi somere. Se necese, la organizantoj rajtas serĉi alternativajn loĝejojn, kun similaj prezoj.

Oni ne traktos hotelmendon sen antaŭa pago. Kotizoj ne estas repageblaj.




## 61a Hispana Esperanto-Kongreso

### Alicante

### 1a ĝis 4a de aŭgusto 2002

Colegio Mayor Universitario
San Vicente del Raspeig

ALIĜILO N-RO......

(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Antaŭnomo: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Naskiĝdato (2) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . HEF-numero . . . . . . . . . . . . .
Adreso. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Poŝtkodo . . . . . . . . . . . .
Urbo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Telefono . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Retadreso . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Faksilo . . . . . . . . . . . . . . . . . .

(2) Nur por statistiko

| Kongreskotizoj | ĝis la 30a de junio | poste |
|---|---|---|
| Membro de HEF | 19 | 25 |
| Ne membro | 23 | 29 |
| Loĝejo | --- | --- |
| Donacon | | - |
| ENTUTE: | | |

Kotizu pere de Bancaja, strato Málaga 37; 46009 Valencia.
konto-numero: 2077-0069-24-3100702329 al la 61a Hispana Esperanto-Kongreso.

Kunsendu la pagpruvilon kaj la aliĝilon al la suba adreso.

**Por bankĉekoj kaj poŝtmandatoj aldonu 10%**

LA KOTIZO ESTAS NE REPAGEBLA.

Dato kaj subskribo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Konstanta adreso: Augusto Casquero; Avenida Burjasot 29, A-31;
ES-46009 Valencia; Retadreso: augustocasquero@infonegocio.com

